I jaro Sofia — Bulgario Decembro 1957, N-ro 2

INTERNACIA ★ ĴURNALISTO

Organo de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## GRAVAJ ORGANIZAJ PROBLEMOJ.

Nia Ĵurnalista Asocio eniris la duan jaron de sia renaskiĝo. Ĝi akiris jam kontentigajn sukcesojn. Ĝis nun al la Asocio aliĝis ĉirkaŭ 130 ĵurnalistoj, korespondantoj de gazetoj, redaktoroj en libroeldonejoj, publicistoj k. s. Grava ĝia sukceso estas ankaŭ la apero de ĝia organiza organo — provizore la multobligita bulteno kaj nun — tipografie presita „Internacia Ĵurnalisto". Serioza asocia entrepreno estas la fondita jam ĉe la estraro „Interŝanĝservo", kiu fakte funkcias. Multaj membroj de TEĴA interkontaktas fruktodone, ŝanĝante reciproke gazetmaterialojn, sperton, servojn k. t. p.

Sed tiuj niaj akiraĵoj estas nur la komenco. Antaŭ nia Asocio staras multaj aliaj nesolvitaj organizaj, profesiaj, propagandaj kaj kulturaj problemoj kaj taskoj, kiujn ni nepre devas solvi en plej proksima tempo.

Kiel unua, plej grava tasko de TEĴA estas malkovri kaj altiri al la Asocio por membroj ĉiujn niajn samideanojn ĵurnalistojn, redaktorojn, publicistojn. Ili estas multnombraj, dissemitaj en preskaŭ ĉiuj landoj, laborantaj en gazetoj, ĵurnaloj, revuoj, eldonejoj. Ja ni ankoraŭ ne altiris la redaktorojn kaj la kunlaborantojn de niaj Esperanto-gazetoj, bultenoj, revuoj. Kaj ilia nombro estas verŝajne kelkcenta.

Cetere, kial la plimulto de tiuj niaj kolegoj, la plej konsciaj esperanto-propagandistoj inter nia samideanaro, flankenstaras kaj ankoraŭ ne eniras en la vicojn de la TEĴA-membroj? Ĉu ili ne sentas la devon tuj aliĝi al TEĴA kaj fariĝi unuj el la plej agemaj membroj? TEĴA invitas elkore ilin kaj atendas senprokrastan aliĝon kaj kunhelpon.

Dua nia tasko estas eltrovi ankaŭ ĉiujn profesiajn kaj neprofesiajn kolegojn, kiuj kunlaboras en diversaj nacilingvaj redakcioj kaj eldonejoj. La membroj de TEĴA-Estraro, la komitatanoj kaj la reprezentantoj de la Asocio en ĉiuj landoj devas obstine eltrovi kaj membrigi ilin al TEĴA. Ni devas imiti la bonan ekzemplon de niaj kolegoj en Bulgario, Jugoslavio, Pollando k. a., kiuj aligis al TEĴA kelkdekojn da ĵurnalistoj.

Alia grava organiza tasko estas komisiigi komitatanojn de TEĴA en la landoj, kie estas pli ol kvin membroj de TEĴA, kaj reprezentantojn — kie estas ĝis kvar membroj de TEĴA.

La komitatanoj kiel membroj de la Estraro, kaj la reprezentantoj de TEĴA estas la agentoj kaj la funkciuloj de la Asocio, propagandistoj de niaj TEĴA-celoj en sia lando, al kiuj devas sin turni ĉiu membro de TEĴA por ricevi informojn aŭ taskojn, por pagi la membro-kaj abonkotizon, kiam ne ekzistas kondiĉoj por rekta pago al la kasistoj de TEĴA.

Serioza problemo por TEĴA estas la regula pagado de la membro-kaj abonkotizo. La Asocio havas bezonon de mono por siaj propagandaj kaj korespondaj celoj kaj precipe por la regula eldonado de sia organo „Internacia Ĵurnalisto".

Ĉiuj malnovaj membroj devas tuj pagi sian kotizon por la kuranta 1957 jaro, ĉu rekte al unu el la ambaŭ kasistoj

de TEĴA (s-anoj A. Ribot en Francio kaj Iv. Keremidĉiev en Bulgario), ĉu al siaj landaj komitatanoj kaj reprezentantoj. Preferinde estas pagi la kotizon ne en la fino de la jaro, sed en ĝia komenco.

Pri la aliaj gravaj problemoj kaj taskoj — en la tria numero de nia organo.

Al vigla laboro, karaj TEĴA-anoj, por la sukcesa plenumo de tiuj niaj komunaj taskoj!

## INTERŜANĜSERVO ĈE T E Ĵ A

Inter la celoj de TEĴA estas ankaŭ komuna kunlaboro en la medio de la ĵurnalistoj.

Uzante la adresojn de TEĴA-membraro, multaj ĵurnalistoj jam kontaktis kun kolegoj en aliaj landoj kaj komencis bonan interŝanĝadon de artikoloj. Tio estas rekomendinda labormaniero.

Oni povas dank'al la membrolisto de TEĴA persone organizi kontaktojn kun multaj landoj. Sed ankaŭ TEĴA deziras alimaniere helpi la membrojn. Tial TEĴA nun starigas Interŝanĝservon.

Tiu servo estas por niaj membroj praktika laborilo kaj al la publiko ĝi pruvas la utilon de Esperanto kiel internacia laborlingvo.

La reguloj por interŝanĝado de artikoloj estas:

La membroj verkas esperantlingve artikolojn je temo pri kiu ili estas speciale kompetentaj, sed la temoj ĉiam devas esti interesaj ankaŭ por la ceteraj landoj. Estas nepre necese, ke la verkistoj ĉiam penu skribi pri neŭtralaj temoj, koncize kaj se eble ili kunsendu ankaŭ fotografaĵojn.

La verkisto tajpas la artikolon en 3-4 ekzempleroj kaj sendas ilin al TEĴA, Skovvangen 17, Silkeborg, Danlando.

En TEĴA organo ni publikigas la titolojn de la ricevitaj artikoloj kaj donas diversajn informojn pri la aŭtoroj, amplekso kaj laŭeble pri la enhavo ankaŭ.

La membroj de TEĴA laŭplaĉe povas peti ekzempleron de iu ajn artikolo perletere de supremenciita adreso. Ĉiu tajpita ekzemplero de iu ajn artikolo kostas nur tri internaciajn respondkuponojn, kiujn oni devas anticipe pagi. Unu el la kuponoj estas por afranko de la sendaĵo, kaj la ceteraj du — por la kaso de TEĴA.

Dezirinde estas, ke ĉe ĉiu traduko kaj aperigo de iu ajn artikolo per TEĴA oni nepre notu sub la artikolo nacilingve: Tradukita el esperanto. Post aperigo de tia artikolo oni nepre sendu 1-2 ekz. de la koncerna ĵurnalo, gazeto k. t. p. a TEĴA sekretario, aŭ al la redakcio d „Internacia Ĵurnalisto".

Ni petas la apartajn membrojn, ke ili sendu almenaŭ po unu artikolo ĉiujare al la Interŝanĝa servo de TEĴA. Nur ĉi-maniere ni povus havi ampleksan elekteblan materialon de artikoloj kaj samtempe ekstran kotizon por TEĴA.

Tiu laboro estas grava parto de la agado de TEĴA kaj ni petas la membrojn aktive eklabori.

G. K. Jepsen, Danujo

## RICEVITAJ ARTIKOLOJ EN LA INTERŜANĜSERVO

D-ro A. Mildwurf (London), Titolo: „Libereco kaj paco en la scienca epoko". Aktuala artikolo pri la atoma energio, kiu ŝajne estas tre dezirebla. Amplekso: 150 linioj.

André Ribot (Franc.). Titolo: „Kio estas prienergia imposto". En ĉiuj landoj estas konstatebla malkontento pro la impostoj kaj fiksaj aranĝoj. La artikolo de Ribot rekomendas tute revolucian impostsistemon. Amplekso: 60 linioj.

La artikoloj estas riceveblaj de la Interŝanĝservo: G. L. Jepsen, Skovvangen 17, Silkeborg, Danujo.

# TEORIO KAJ PRAKTIKO NE ESTAS UNU KAJ SAMA AFERO.

En Finnlando (Otaniemi, Helsinki) okazis dum 10 — 14 de junio 1956 granda internacia ĵurnalista kunveno. Partoprenis 259 personoj el 44 landoj, inter kiuj multaj el Mez-Aziaj kaj ekzotikaj landoj. Ĉia tasko estis amike trakti tiujn aferojn, kiuj estas komunaj al ĉiuj ĵurnalistoj de ĉiuj partioj, principoj kaj landoj. Ĉiu konferenco en amika, libera atmosfero estas grandsignifa.

Por la unua fojo mi, finna ĵurnalisto, havis okazon renkonti kolegojn el Hindio, Meksikio, Libio, Japonio kaj aliaj landoj.

En la kunveno oni traktis ĉiujn parolojn en 5-6 oficialaj lingvoj. Pro tio partoprenintoj—konante iun el tiuj lingvoj povis scii pri kiaj aferoj oni parolis, la ceteraj nenion komprenis. Sed en oficiala kunveno oni ja uzas nur kelkajn horojn dum la tago. La ceteran tempon oni devus uzi por promeni en la parkoj de la kunvenejo, sidi ĉe la manĝotabloj, viziti la ĉefurbon de Finnlando aŭ sidi kune en la aŭtobusoj, en la festsalonoj, dum kiu tempo oni babiladus kun kolegoj el alia terparto.

Teorie ĝi devis esti tiel. Fakte okazis aliel: mi tre volonte DEZIRIS BABILI, sed ĝenerale tio ne povis okazi pro la tre simpla kaŭzo: ni ne komprenis unu la alian, niajn naciajn lingvon. Estas facile diri: „Vi ja povis uzi tie interpretistojn". Sed estas memkompreneble, ke la kelkaj personoj, taŭgaj por tiu celo, estis treege okupitaj per aliaj devoj, precipe oficialaj, ke ili ne povis trovi tempon, nek havis forton helpi nin dum niaj ordinaraj babiladoj, dum tag- aŭ vespermanĝoj aŭ dum la promeno sur la herbaro!

Ĉar mi mem ankaŭ estis unu el tiuj, kiu ne trovis iun el nialandaj kolegoj kiel interpretisto, pro la samaj kaŭzoj mi disponis sufiĉe da tempo por observi la aferon, precipe kiel esperantisto.

Fakte okazis tiel, ke kvankam ni dum multaj tagoj parolis en la kunveno kaj ekster ĝi pri la signifo de la internacia amika interagado, sendepende de la partiaj kaj naciaj devenoj, la plej granda parto de la partoprenintoj havis nenian eblon diri eĉ kelkajn amikajn vortojn persone al iu ajn fremda kolego. Cetere, ne malfacile oni povis konstati, ke multaj el la partoprenintoj tre bedaŭris tiun fakton. La lingvomuro povas rompi eĉ la plej amikajn kunvenojn — tion devas kompreni ĉiu pensanta homo.

Kial mi priskribas ĉion ĉi?

Samspecajn kongresojn inter ĵurnalistoj oni aranĝos ankaŭ estonte, sed ni devas konvinkigi la aranĝantojn, ke vera amika kaj intima atmosfero, vera ne nur teorie, povus estiĝi nur, se la partoprenantoj uzos lingvon komunan al ĉiuj, kia estas sendube la internacia lingvo Esperanto. Alimaniere la problemo pri amikaj kaj intimaj rilatoj inter kolegoj restos nur surpapera fakto.

Ni devas ekagi obstine, por ke la aferon bone komprenu ankaŭ la ĉefuloj de la enlandaj asocioj kaj la estraranoj de la internaciaj ĵurnalistaj organizaĵoj.

Niilo Kavenius, Finnlando

---

## FONDUSO POR „INTERNACIA ĴURNALISTO"

| | |
|---|---|
| André Ribot, Francio — | 500 fr. fr. |
| Kiril Draĵev, Bulgario — | 40 levoj. |
| Iv. Keremidĉiev, Bulgario — | 10 levoj. |
| As. Grigorov, Bulgario — | 10 levoj. |

Pagu vian membrokotizon (inkluzive la abonpagon) — 1 usona dolaro, 4 rubloj, 400 fr. frankoj, 10 levoj aŭ egalvaloro en nacia mono!

## JUNULARA KAJ ĴURNALISTA RENKONTO EN MOSKVA

Dum la tagoj de la VI Festivalo en Moskva, en la salono de la ŝakista klubo okazis kunveno de gejunuloj-esperantistoj el Bulgario, Ĉehoslovakio, Ĉinio, Danlando, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Nederlando, Norvegio, Pollando, Sovet-Unio, Svedio, Svislando, Ukraina SSR, k. a.

La kunvenon de la gejunulaj esperantistoj ĉeestis la TEĴA-anoj N. F. Danovskij el la redakcio de la Granda Soveta Enciklopedio, Konstantin Gusev el la redakcio de la soveta ĉiutaga ĵurnalo „Pravda", Atanas Bojaĝiev de redakcio „Kolarovgradska borba" (Kolarovgrad — Bulgario) ka. Ĉiuj partoprenis aktive la renkonton kaj la sekvintajn promenadojn.

La soveta verkisto Ivan Vl. Sergejev malfermis la kunvenon, salutante la ĉeestantojn. Samideano Nikola Nikolov (Bulgario) faris prelegon pri la rolo de esperanto en la proksimigo de la popoloj kaj ĝia signifo por la konservo de la internacia paco.

En la sekvintaj pridiskutoj la franca samideano Paul Citige, reprezentanto de la Junulara fako ĉe UEA, deklaris, ke li sentos sin vere feliĉa nur tiam, kiam esperanto servos ne nur al unu grupo dum la festivalo, sed kiam ĝi estiĝos la oficiala internacia lingvo de la internaciaj festivaloj.

K. Draĵev

## Ĵurnalista ★ VIVO

### NIA ANARO KONSTANTE KRESKAS

La Pollanda sekcio de TEĴA disvolviĝas. Nia anaro konstante kreskas. Cetere, ni estas kontentaj, ke ni povas anonci aktivecon de kelkaj novaj ĵurnalistoj, kiuj rilatas favore al ni kaj aliĝis al nia grupo. Ni esperas, ke post nelonga tempo ni povos labori pli aktive kaj sukcesplene. Nia komuna kunlaboro por efektivigo de la TEĴA-programo estas sendube imitinda.

Paŝon post paŝo, ni pliaktivigas nian laboron kun aliaj kolegoj ĵurnalistoj kaj rezulte ni sukcesos ilin akcepti en nian familian rondon.

Dum la XIV-a Tutpollanda Esperantista Kongreso, okazinta la 6-an de Oktobro 1957 en Gdansk, ĉeestis 22 profesiaj ĵurnalistoj kaj korespondantoj. La kunvenon gvidis s-ano red. Emil Mayer, reprezentanto de TEĴA por Pollando. En sia raporto li menciis la klopodojn de nia sekcio por enpenetri en la vicojn de niaj polaj ĵurnalistoj. La rezulto estas jam kontentiga, ĉar multaj novaj anoj aliĝas al TEĴA-anaro kaj volas labori por la komuna celo. Starigo de nova 5-persona komitato (kiel gvidanto red. Emil Mayer, komitatanoj: red. Kazimierz Malycha, red. Valerian Whodarczyk, red. Anna Dratwer, red. Switalski) atestas, ke la planota laboro estos sukcesa. Jam nun TEĴA-komitato invitas ĉiujn ne aliĝintajn profesiajn ĵurnalistojn, korespondantojn, publicistojn en Pollando aliĝi al TEĴA. Kiel komitatano de TEĴA estis nomita s-no Switalski Jozef el Wroclaw.

E. M. — Krakow

Alvoko de la redakcio: „Internacia Ĵurnalisto" atendas la aktivan kunlaboradon de la TEĴA-anoj kaj ricevus kun dankemo ĉiuspecajn materialojn kaj aliajn kontribuaĵojn.

## PROPONAS KORESPONDADON KAJ INTERŜANĜON

S—ano Rams Stanislaw, Niepodleglosci 25, Zielena Góra, Ĉeĥoslovakio, dez. kor. kun ĵurnalistoj.

* * *

Esperanto-fako NHA XUÂT BAN HGOAI VAN BU VÂN HKA, HANOI, Vietnamio, gazet- kaj libroeldonejo sendas vietnamajn, anglajn, francajn ilustritajn gazetojn, librojn pri Vietnamio kontraŭ esperantaj gazetoj kaj libroj. Eldonas esperantaĵojn, se estos multaj petoj el diversaj landoj. Skribu amase.

* * *

Mi bezonas ĉiuspecajn materialojn (artikolojn) por junulara (ne infana) gazetaro. Pri junularaj organizoj, aranĝoj, pri ĉiutaga vivo kaj originalaj entreprenojdiskuttemoj, edukproblemoj ktp. Krome estas bezonataj aventuraj artikoloj. Mi povas rekompenci per similaj artikoloj, per esperantaj kaj pollingvaj libroj. Mi atendas ankaŭ proponojn por kunlaboro pri literaturaj, kulturaj kaj artaj temoj. Mia adreso: Jerzy Uśpieński, ul. Mokotowska 39, Warszawa, Pollando.

## Ricevitaj Esperantaĵoj

Nuntempa Bulgario — N-ro 11, novembro 1957, monata kultura revuo, str. Levski 1, Sofia, Bulgario.

La Suda Stelo — N-ro 3, junio 1957, revuo socia, kultura, literatura, Miklošičeva 7, Ljubljana, Jugoslavio.

Jugoslavia Esperantisto — N-ro 6—7, junio-julio 1957, oficiala organo de Jugoslavia Esperanto-Federacio, Miklošičeva 7, Ljublajna, Jugoslavio.

La Progreso — N-roj 41—42, julio — aŭgusto 1957. Eldonas Serbia Esperanto-Ligo, Terazije 42, Beograd, Jugoslavio.

Esperanto-Unuiĝo de Germanaj Instruistoj, cirkulero N-ro 3, Julio 1957, 16 Wotzlar, Grosse Promenade 2 a, Germanio.

Esperanto en Skotlando — N-ro 33, julio 1957, Hugh Martnin, Lilybank Cottage, Glenshee Street, Glasgow, E. l, Skotlando.

The Demokratic Journalist — N-ro 6—7, june-july 1957, Organ of the International Organisation of Jurnalists, Prague 2, Opletota 5, Ĉeĥoslovakio.

La Serĉado — Ciklo da stencilitaj esperanto-versoj de Ŝtefo Urban, Ĉeĥoslovakio.

Franca Esperantisto — n-ro 167 aŭgusto-septembro, monata organo de UEF.

Paco — oficiala organo de Mondpaca Esperantista Movado, n-ro 46, septembro 1957. Red. Gosta Holmkvist, Romehelmsvagen 55, Malmö, Svedujo.

Esperanto en Skotlando, bulteno do S. T. E., n-ro 34, oktobro 1957.

Bulgara Esperantisto — organo de BEA, n-ro 6 kaj 7, novembo-kaj decembro 1957.

Esperanto de UEA, n-ro 625 (12), decembro 1957.

La Rondo — organo de Aŭstralia Esp. Asocio, n-ro 79, sept. — okt. 1957.

Franca Esperantisto — organo de U. E. F., n-ro 169, nov. — dec. 1957.

La Esperantista Laboristo — n-ro 66, nov. dec. 1957
Organo de la Franca Labor-Esperantistą Federacio (FET). Redakcio: 4, Général-Malleterre, Paris 16, Francio.

The British Esperantist — organo de B. E. A., n-ro 629. nov. 1957.

Meĵdunarodni jezik (Lingvo Inter-

nacia) — eldono de „Jugoslavia Esperantisto", n-ro 10, oktobro 1957.

Germana Esperanto Revuo — organo de Germana Esp. Asocio, n-roj 11 kaj 12, novembro kaj dec. 1957.

„Hamburg" — belaspekta ilustrita prospekto en esperanto.

Kooperativismo — oragno de Kultur kooperativo de esperantistoj, n-roj 7 kaj 8, julio — aŭgusto 1957, Germanio.

## LA GAZETARO PRI TEĴA

Bulteno de Esperantista klubo ĉe Osvetova beseda en Praha, numero 47, en speciala noto mencias pri la apero de Bulteno de TEĴA kaj pri ĝia valoro por la pliviglîĝo de la laboro de nia Asocio.

Jugoslavia Esperantisto — en numero 6—7 aperigas artikoleton pri TEĴA kaj pri ĝia organo, alvokante la ĵurnalistojn-esperantistojn en Jugoslavio aliĝi al TEĴA.

The Demokratic Jurnalist — organo de la Internacia Organizaĵo de la ĵurnalistoj kun sidejo en Praha — en sia numero 6—7 sub titolo Nova Esperanto-gazeto mencias pri la apero de la organo de TEĴA.

Karaj samideanoj el la tuta mondo Tuj aliĝu al TEĴA! Varbu membrojn kaj abonantojn por nia organo „Internacia Ĵurnalisto". Pagu vian kotizon laŭ via eblo al la Sekretario kasisto de TEĴA, s-o A. Ribot 11, Rue Paul Vergnes, Marmande-Francujo, al vialandaj reprezentantoj aŭ rekte al la redakcio de via organo en Bulgario, al la adreso: Ivan Keremidĉiev, bulv. Hr. Botev 98, Sofio 2, Bulgario.

La kotizo estas unu dolaro aŭ egalvaloro. Aperigu en vialanda gazetaro artikolojn kaj sciigojn pri TEĴA kaj informojn pri nia organo.

La redakcio de „Internacia ĵurnalisto" atendas vian kunlaboron per artikoloj kaj informoj pri via organiza kaj profesia laboro. Sendu al la redakcio la adresojn de viaj kolegoj.

## Oni rekomendas...

## PRI LA MEMBRECO EN TEĴA.

Mi deziras esprimi mian opinion koncerne la artikolon de s-no Draĵev en numero 4 de nia ĝisnuna Bulteno.

Li diferencigas la membrojn de TEĴA je du specoj: A kaj B Sed en B-membroj mi kun granda miro trovis „korektistojn k. t. p." Laŭ mi, la korektistoj ne estas ĵurnalistoj, cetere ili ne povus esti membroj de TEĴA. Kion signifas la esprimo: „Ĉiu samideano, kiu havas rilaton al la gazetara laboro povas esti membro de TEĴA"? Ĉu ankaŭ la redakciaj kurieroj rajtas membri? Tute ne!

Mi ne aprobas tion. Ni devas serioze zorgi pri la profesia pureco de niaj vicoj, pri la alta nivelo de nia TEĴA-afero. Nia forteco estas ne en la granda nombro de la membroj, sed en ilia profesia ĵurnalista laboro, en ilia intelektuala nivelo, en iliaj mensaj ecoj. Do, al nia Asocio devas aliĝi ne ĉiu, kiu volas, sed ĉiu, kiu profesie rajtas."

Red. M. Niewiarowski,
Katowice, Pollando.

## PRI LA ENHAVO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO".

„. . . La unuan numeron de „Internacia Jurnalisto" kaj la membrokarton de TEĴA mi jam ricevis. Dankon. Nun mi volus vidi sur la paĝoj de „Internacia Ĵurnalisto" ne nur „departamentajn informojn", sed ankaŭ freŝan enhavon, eseojn, bonhumoron, kaptajn versaĵojn, sciencajn artikolojn ktp. Ĵurnalistoj ja estas ĉiam kaj ĉie iniciativaj, elpensemaj, spritaj kaj agemaj. Kun ilia helpo nia organo „I. Ĵ." devas esti riĉenhava kaj interesa por ĉiuj gelegantoj. . ."

N. F. Danovskij, Moskva

## AL PLI VASTA AGADO

Ĉiuj esperantantistoj, kiuj pli aŭ malpli havas rilaton al la gazetaro, estas certe tre kontentaj pro la revigligo de la Ĵurnalista Asocio kaj pro la apero de ĝia organo. Estas sendube, ke se nia movado ne eliras el sia „propra ĝardeneto" al la plej vastaj kampoj de la homa agado, ĝi povas „droni en sian propran supon".

Esperanto povas kaj devas estiĝi vaste konata interkomunika rimedo inter la ĵurnalistaro ĉe la internacia kunlaborado. Ni devas rompi ĉiujn barojn, kiuj malhelpas la firmiĝon kaj la disvastiĝon de la Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Tio estas efektivigebla nur tiam, kiam ni sufiĉe bone pripensas la manierojn de nia kunlaborado. Al tio devas servi la organo de TEĴA. Mi opinias, ke pro la malgranda amplekso, en ĝi devas esti presataj nur tre koncizaj informoj kiuj estu uzataj de la esperantistoj-ĵurnalistoj, kaj nur konkretaj, realaj proponoj pri kunlaboro, pri agadmanieroj. Estas same bezonataj anoncoj kaj sciigoj pri diversaj iniciativoj kaj entreprenoj, en kiuj la ĵurnalistoj povas iel partopreni pere de esperanto. Estas bezonaj ankaŭ anoncoj flanke de samideanoj, kiuj bezonas materialojn por sialanda gazetaro, kaj kiuj povas liveri similajn materialojn. Ankaŭ devas esti anoncoj pri preteco al kunlaborado sur certa kampo. La propono por aranĝi ĉe nia organizaĵo specon de agentejo, kiu disponu jam pretajn artikolojn, estas laŭ mi tre bona kaj farinda.

Semtempe oni devas pripensi ankaŭ pri la financaj malfacilaĵoj, ĉar tio povas malhelpi al ni tre multe.

Jerzy Uspienski, Pollando

### Rimarko de la Redakcio

La Interŝanĝa gazetservo jam estas fondita. Informo pri ĝi aperas en la nuna numero de „Internacia Ĵurnalisto."

---

## AL TEĴA-ANOJ EN USSR.

Komitatano de TEĴA en USSR estas nia kolego N. Danovskij, Moskva, p. k. 1004. La sovjetaj kolegoj estas petataj sendi al li siajn adresojn, proponojn, sugestojn kaj peti de li informojn pri nia Asocio.

Karaj samideanoj kaj kolegoj,
La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" varme petas vian kunlaboradon. Bonvolu sendi materialojn, informojn kaj sciigojn pri via TEĴA-laboro. La redakcio atendas ankaŭ viajn proponojn kaj sugestojn pri la enhavo de la organo.

La redakcio.

---

## NOVAJ MEMBROJ DE TEĴA

Nina Vidervol, Prazakova 12/III, Ljubljana, Jugoslavio.

Štermecki Vera, Savinjsko nabrezje 5, Celje, Jugoslavio.

Škrbec Stanislav, Narodoi trg 4, Rijeka, Jugoslavio.

Sauer Vladimir, „Magyar Szo", Vojvode Mišiĉa 1, Novi-Sad, Jugoslavio.

Metodi Panĉev, str. „Persenk" 30, Sofia — 7, Bulgario.

Štepan Urban, Na brehu 15, Praha 9, Ĉeĥoslovakio.

Josif Gjurov, v. „Kolarovgradska borba", Kolarovgrad, Bulgario.

Boris Botev, v. „Pirinsko delo", Blagoevgrad, Bulgario.

Andrej Sidorov, ul. Kaganoviĉa 80, Ĉerkassy Obl., Spvet-Unio.

Albert Feht, Am Schweizersberg 28, Klarenthal — Saar, Germanio.

Red. Janusz Pogruszewski, Str. Szustra 118/124 m 41, W a r s z a w a, Pollando.

Red. Arnfinn Jensonn, Cort Adelersgate 12-627, O s l o, Norvegio.

Anatolij Suhov, Ŝljuz Trudokommuna, poŝtfako „Dzerĵinskogo", Uhtomskij rajon, M o s k o v s k a j a o b l a s t, USSR.

S-ro Hilding, ELG, Tallorgatan 8, B o r a s, Svedujo.

Efim Flajs, Redak. „Udmurtskoj Pravdy", I ĵ e v s k, USSR.

A. W. Thomson, 315, Bellegrove Road. W e l l i n g, Kent, Britlando.

Mieĉislavo Zgórzewski, W r o c s l a w 2 skr. poczt. 22, Pollando.

Agnes E. Mortensen, Ellehoj 14, I. H e l l e r u p, Danlando.

Georgo Michalik, Szeroko, 17 m. 5, G d a n s k, Pollando.

Börje Andersson, Ingegatan 4 A, S k ö v d e, Svedujo.

G. J. Minholts, Stadsweg 3, Oesterhoggeburg, P o s t G r o n i n g e n, Nederlando.

Angel Tanev, Levskigrad, Bulgario.

Shi Siwei, Ĵurnalista fako, Peking Universttato, P e k i n g, Ĉinio.

D-ro Abate Rozario, Via Tripoli 15, P a l e r m o (Sicilia), Italio.

Inĝ. Stefan Vesely, Hviezdoslavova 2, M a r t i n, Ĉeĥoslovakio.

Damjan Vahen, Svetinov, K a p e l e ĉ e B r e z i c e, Ĉeĥaslovakio.

H. L. Hartog, Dr Weverstrato 33, V o l e n d a m, Nederlando.

Ishak Muĉnik, K f a r J e h a s h u a, Izrael.

Juozas Kubilius, Redakcio „Kauno Presa", K a u n a s, Gedimino 31, Litova SSR, USSR.

Juozas Sadauskos, K a u n a s-K e s t u ĉ i o g-v e, Litova Akademio Agrikultura, Litova SSR, USSR.

Petras Zemkauskas, K a u n a s-P a n e r i i r g v e, (12 Mezlernejo) 12 Vid. mokykla, Litova SSR, USSR.

Marijus Purkeviĉius, K a u n a s, Montvilos gt. 14-4, Litova SSR, USSR.

Josep Ferer, Salses, 57, B a r c e l o n a 1 6, Hispanio.

Jean Dalet, 79-bis Rue du Chateau, A s n i e r s (Seine), Francio.

Marselle Robineau, 4 Rue General Malleterre, P a r i s 1 6, Francio.

Boris Iv. Minkov, str. Dim. Poljanov 20, II et., S o f i a, Bulgario.

---

E s t r a r o d e T E Ĵ A

P r e z i d a n t o ÷ Olav Thormodsen, Box 132, H a u g e s u n d, Norvegio

V i c p r e z i d a n t o j ÷ Maria Vogel, Kniebisstrasse 31, S t u t t g a r t, Germanio kaj Niilo Kavenius, Niklasengatu 10/14, T u r k u 9, Finnlando

S e k r e t a r i o-k a s i s t o ÷ André Ribot, 11, rue Paul Vergnes, M a r m a n d e, Francio.

Redaktoro ÷ — Ivan Keremidĉiev, blv. Hristo Botev 98, Sofia 2, Bulgario

---

K o m i t a t a n o j d e T E Ĵ A

Matko Dobĉnik, Mikloŝiĉeva 7, Ljbljana, Jugoslavio

N. F. Danovskij, Frunzenskaja nab. 118/120 A kv. 12 Moskva 131, Sovet-Unio

D a n u j o — G. N. Jepsen, Skovvangen, 17, S i l k e b o r g. S-ano Jepsen gridas la fakon I n t e r ŝ a n ĝ s e r v o.

Switalski Józef, Wroclaw, ul. Kasprovicza 65, Pollando

---

L a n d a j r e p r e z a n t o j d e T E Ĵ A

Ĉeĥoslovakio — Joĵko Stanek, Osadni 45, P r a h a

R u m a n i o — Ştefan Freamat, str. Gabriel Peri 4, Bucureşti

Hungario — Marton Lajos, Esperanto, Burs-utca 2, Budapesr XII.

---

Redaktoro: Iv. Keremidciev, blv. „Hristo Botev" 98, tel. 3-34-04, Sofia 2, Bulgario.